# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
15-a jaro N-ro 2 (57) oktobro 2016

**Enhavo**



**Kovrilfoto:** fotita de s-ino Li Yanqiu, esperantistino el Dandong, ĉina limurbo tuj najbare al Nord-Koreio.

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ino Veronika Poór, ĝenerala direktorino de UEA
S-ro Wu Guojiang, la komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras pri informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio helpas kaj raportas koncernajn agadojn, retadreso: hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluado kaj fortigado de personaj ĝemelrilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
Argentino: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
Kubo: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso:miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
Pakistano: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
Vjetnamio: s-ro Nguyen Xuan Thu, retadreso: autuno32@gmail.com
**Eŭropo**
Finnlando: s-ro Robert Bogenschneider
Francio: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
Nederlando: s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

**3ZZZ radio elsendis enhavon el Informilo de Ĝemelaj Urboj**

La 25-an de aprilo 2016 3ZZZ radio elsendis enhavojn el la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj, unu pri Urbestroj kaj Universalaj Kongresoj, la alia pri salutvortoj de la urbestro de Herzberg am Harz.

El http://melburno.org.au/3ZZZradio

**La projekto reaperis en la estrara raporto**

Ekde 2007 la projekto estis resumata en la estrara raporto de UEA, sed kun “nova laborstilo” de la nova estraro naskiĝita en 2013 ĝi ne plu aperis en la raporto. Ĉi-jare pro aktiva konsidero de s-ino Barbara Pietrzak ĝi estis renove menciita en la raporto kiu aperis en n-ro 6 Esperanto en 2016.

**La ĝemelurbaj agadoj aranĝitaj en du gravaj okazoj**




Antaŭ la ĉi-jara UK la germana urbo Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo havas du gravaj aranĝojn. Ĝi festos la 10-jaran jubileon de Herzberg kiel Esperanto-urbo en la 9-a de julio kaj gastigos la 89-an SAT Kongreson inter la 16-a kaj 23-a de julio. La ĝemelurbaj aktivadoj estos rimarkindaj.

1. En la jubileo partoprenos oficiala delegacio el la pola ĝemelurbo Góra sub gvido de la urbestrino. Inter la invititoj estas lokaj kaj regionaj politikistoj, reprezentantoj de la lernejoj, ĉeestos kaj krom la urbestroj de la ĝemelaj urboj festparolos ankaŭ la eks-urbestro, s-ro Gerhard Walter.

2. En la SAT-kongreso (a) s-ino Zsofia Korody kaj s-ro Peter Zilvar en prezento pri rezultoj el la agadoj de la Esperanto-Centro temos pri nia ĝemelurba kunlaboro.

(b) s-ino Zsofia Korody aparte prelegos pri la junulara agado en la ĝemelaj urboj kaj ĉefe pri la tre sukcesaj Someraj Arbaraj Lernejoj (SALO).

(c) s-ino Zsofia Korody rekomendis s-ron Pieter Engwirda, respondeculo de LA en Nederlando pri ĝemelaj urboj, prezenti la agadojn por la projekto Ĝemelaj Urboj, por montri aliajn eblojn kaj celojn de internacia ĝemelurba kunagado.

Eŭropa Bulteno Junio 2016, No 161 adoptis tiun raporton.

**La komisiito**

**Alvoko pri kolektaĵoj**
**Konsiloj al kolektantoj kaj kluboj pri arkivado kaj konservado**
**Enkonduka letero – invito al kunlaboro**

Inter la 3-a kaj 8-a de marto 2016 kunlabore IFEF kaj Interkultura Centro Herzberg okazigis seminarion en Herzberg am Harz –la Esperanto-urbo komence de marto. Rezulto de

tiu renkontiĝo de fakuloj estas starigo de projekto kun la celo fari manlibron kongrue kun la strategia laborplano de UEA (Agadkampo: Konsciigo, precipe 1.2.3. Esploro kaj dokumentado). Ni celas konsciigi Esperanto-klubojn, landajn kaj fakajn asociojn pri la graveco de konservado de niaj historio kaj movada kulturheredaĵo.

Tre gravas tiu konservado, ĉar homoj malaperas, kluboj malfondiĝas, ŝanĝiĝas la tempoj – kaj la historion rakontas ĉiu eta ero, kiun kolektis klubanoj, kluboj, unuopuloj, grupoj …

Verŝajne multaj, kiuj mem kolektas, aŭ kiuj kiel heredantoj ricevas kolektaĵon, spertas, ke mankas konsilaro kaj rekomendoj kiel konservi kaj kiel havi superrigardon pri la kolekto, kiu povus fariĝi arkivo.

Ĉu oni konservu materialojn mem? Ĉu oni pludonu ĉion aŭ parton? Kio estas kolektinda kaj konservinda? Kie estas ĝeneralaj kaj fakaj arkivoj kaj kolektoj? Kiel trakti delikatajn kaj difektiĝintajn materialojn? Kiel pritaksi, ĉu io estas rara kaj eĉ unika?

Kion fari „teknike"? Kien meti la materialon? Al kiu sin turni?

Jen invito kaj alvoko por kune fari manlibreton utilan al tiuj, kiuj kun propra materialo aŭ materialo de aliaj staras antaŭ decido. Per propraj spertoj, helpo de pli spertaj kaj instigo de ĉiuj interesatoj ni esperas produkti tian manlibron – por helpi al ni ĉiuj, por helpi al la movado kaj al la kulturkomunumo esperanta.

Ni petas vin, kontaktu nin, la iniciatintojn kaj informu pri klubaj, asociaj kaj fakaj kolektaĵoj kaj arkivoj, pri kiuj vi scias, kaj aliĝu al nia internacia laborgrupo.

Por Interkultura Centro Herzberg    Zsófia Kóródy, Peter Zilvar

Por IFEF Jan U. Niemann, Lene Niemann

Kontaktadreso: Jan kaj Lene Niemann, niemann@kabelmail.dk

**Reago de la komisiito al alvoko pri kolektaĵoj**

[*La 12-an de marto 2016 s-ino Zsófia Kóródy el Interkultura Centro Herzberg aperigis tiun alvokon en la listoj kiel "landa-agado en Yahoogroups", la komisiito tuj reagis al tio.*]

Bona ideo!

Via iniciato kongruas kun unu el la laboroj kiujn mi estas farantaj.

Mi estas kontaktanta esperantistojn en tiuj urboj, kiuj ĝemeliĝas tra Esperanto, por (re)prilabori dokumentojn longe konservotajn pri ĝemeliĝo tra Esperanto. El la nunaj reagoj mi vidas necesecon kaj urĝecon, ĉar jam forpasis kelkaj personoj kiuj kontribuis al ĝemeliĝo, eĉ gravaj materialoj aŭ la esperantaj grupoj aŭ esperantistoj en urboj, kiuj havis gravajn okazojn pri ĝemeliĝo, estas malfacile troveblaj. Tial mi volonte aliĝas al vi. Per via platformo mi akiras valorajn informojn. Mi vere konscias ke savi materialojn gravas same al akcelo de la projekto Ĝemelaj Urboj.

Mi subtenas vian iniciaton.

**Alvoko al esperantistoj en ĝemelaj urboj**

La sukcesa kunlaboro de IFEF kaj Interkultura Centro Herzberg estas starigi projekton kiu

celas konservadon de niaj historio kaj movada kulturheredaĵo. S-ro Stefano Keller, tiama estrarano de UEA, ankaŭ reagis kaj substrekis, ke Arkivado estas grava afero, kiun oni devus pli konscie fari, kun pli da atento pri ĝi - el vidpunkto de tuja pensado pri arkivado (disponigo al arkivejoj) de publikaĵoj, aliaj esperanto-objektoj, ktp. okaze de ties kreo, eldono, ktp. Arkivejoj estas gravaj lokoj por esploristoj, historiistoj, lingvistoj kaj aliaj fakuloj, aŭ simplaj interesiĝantoj (eĉ ĵurnalistoj).

Kelkajn tagojn antaŭ publikigo de tiu projekto mi jam provis kontakti esperantistojn en tiuj urboj kiuj ĝemeliĝas tra Esperanto kun tia celo. Tiuj ĉi ĝemelaj urboj inkluzivas Massa (Italio) kaj Bad Kissingen (Germanio), Kameoka (Japanio) kaj Knittelfeld (Aŭstrio), Kumamoto (Japanio) kaj Heidelberg (Germanio), Vierzon (Francio) kaj Kamienna Góra (Pollando).




D-ro Alessandro Simonini el Massa sendis la fruajn konservitajn materialojn kiuj koncernas ĝemeliĝon de la du urboj(ekz. vidu foton). S-ro Harada Tsukuru el Kumamoto respondis tiel: "Mi povus kontakti.... sed tre ĉefa amiko forpasis pro kancero kaj nuntempe kontakti kun ili, iomete estus malfacile… se s-ro Deutsch ankoraŭ fartas bone kaj vivus, eble mi devos kontakti kun ili. aŭ mi povus demandi al s-ro Ulirich Mattias, kiu estis eks-heidelberg-ano. Ĉar mi ne trovis kontakteblajn samideanojn en Vierzon kaj Kamienna Góra, mi ne scias ĉu ekzistas esperantistoj aŭ Esperanto-grupo en la urbo, Ĉar mi ne ne ricevis reagon el Kameoka, mi ankaŭ ne scias kio estas la situacio en Knittelfeld, sed mi forte sentas ke kolekti, savi kaj konservi dokumentojn estas urĝa tasko kaj tre. El la ĝemelurba agado mi alvokas ke esperantistoj en ĝemelaj urboj aktive agadu por la projekto pri kolektaĵoj. Bv. helpu nin serĉi tiujn materialojn pri ĝemelaj urboj kiel viaj artikoloj aperitaj en gazetoj, poŝtkartoj, leteroj, fotoj kaj tiel plu se vi havus tempon. Por tio mi decidis kontribui parton de miaj energio kaj tempo, eĉ rekonsideros miajn postenojn komisiito de la projekto kaj la redaktoro de Informilo de Ĝemelaj Urboj.

La komisiito

## UEA kaj la projekto Ĝemelaj Urboj

En n-ro 4(43) Informilo de Ĝemelaj Urboj/2012 mi listigis la agadojn de UEA pri la projekto. Ĉi-foje mi refoje suplementis la enhavojn por konservi la plikompletajn materialojn. Certe tio estas nur malgranda parto de la historio de la projekto. Mi faras tion ankaŭ por pluapaŝe atentigi la homojn pri la signifo kaj urĝeco de kolektado, savado, prilaborado kaj prilaborado de dokumentoj. Pripensu por nia lingvo, agu por nia movado! Informoj en la suba tabelo estis ĝisdatigitaj ĝis la fino de aŭgusto 2016.

| Jaro | Enhavo |
| --- | --- |
| 2002 | ①**Laŭ la prezidanto Renato Corsetti UEA serĉis la komisiiton pri la projekto kaj decidis nomumi s-ron Wu Guojiang el Ĉinio la komisiito**. La funkciuloj estas Renato Corsetti, Michela Lipari, Osmo Buller kaj la komisiito.<br>②Wu Guojiang starigis la retan bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiun tiam la estraro alte taksis. |

| | |
|---|---|
| | ②Pro laboro de s-ino Michela Lipari, tiama estraranino de la Asocio, raporto pri ĝemelaj urboj aperis en kongresaj dokumentoj de la 87-a UK en Fortaleza, Brazilo. |
| 2003 | ①La projekto estis unuafoje menciita en la estrara raporto de UEA por 2002;<br>②La projekto fariĝis unu el la diskutotemoj dum la 88-a UK en Göteborg, Svedio.<br>③Pro konsidero de s-ro Trevor Steele, tiama ĝenerala direktoro, la Centra Oficejo sendis leterpaperojn kaj kovertojn titolitajn "UEA" por faciligi laboron de la komisiito. |
| 2004 | ①La projekto estis enskribita en la laborplanon de UEA por 2003-2005, t.e. UEA subtenu la utiligon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj en pluraj manieroj kaj tute aparte serve al la sistemo de rilatoj inter ĝemelaj urboj;<br>②UEA akceptis proponon de la komisiito: aranĝi Kunvenon de Ĝemelaj Urboj kiel unu el la programeroj de UK, **ĝia 1-a kunveno sukcese okazis dum la 89-a UK en Beijing, Ĉinio**. Ĝin prezidis s-ino Michela Lipari kaj la komisiito.<br>③Nova estraro naskiĝis en tiu kongreso, s-ro Renato Corsetti daŭre gvidas la Asocion. La funkciuloj estas Renato Corsetti, Maritza Gutiérrez, Osmo Buller kaj la komisiito. |
| 2005 | ①En la komenco de la jaro 2005 s-ro Renato Corsetti, tiama prezidanto, sendis nur al la grupanoj de la listo lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com novjaran gratulmesaĝon, kiu speciale menciis kaj akcentis la agadon de ĝemelaj urboj.<br>②S-ino Maritza Gutiérrez prezidis la 2-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. |
| 2006 | ①La junia numero de Esperanto publikigis Publikan Leteron al Urbestroj fare de s-ro Renato Corsetti, s-ro Osmo Buller kaj la komisiito.<br>②S-ino Maritza Gutiérrez prezidis la 3-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. |
| 2007 | ①La projekto "Ĝemelaj Urboj" estis unuafoje resumita per klara temo en Estrara Raporto de UEA por 2006, kiu aperis en n-ro 6 Esperanto en 2007.<br>②S-ino Maritza Gutiérrez kaj la komisiito kune prezidis la 4-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. Ĝin ĉeestis s-ro Renato Corsetti.<br>③Nova estraro naskiĝis en la 92-a UK, s-ro Probal Dasgupta prezidas la Asocion. La funkciuloj estas Probal Dasgupta, Hori Yasuo, Osmo Buller kaj la komisiito. |
| 2008 | ①Pro aktiva konsidero de s-ro Osmo Buller la Centra Oficejo decidis sendi paperajn ekzemplerojn al tiuj, kiuj ne povas legi Informilon de Ĝemelaj Urboj en reto.<br>②S-ro Hori Yasuo, nova estrarano, prezidis la 5-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. |
| 2009 | ①S-ro Probal Dasgupta konsideris ĝin kiel enhavon en la nova laborplano de UEA 2011-2020.<br>②S-ro Hori Yasuo prezidis la 6-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. |
| 2010 | ①La Strategia Laborplano de UEA 2011-2020 havas specialan mencion: La centra UEA, por subteni la utiligadon de Esperanto fare de lokaj Esperanto-kluboj por interlokaj kontaktoj, kuraĝigu preleg-vojaĝojn kaj pli seriozan uzadon de ekzistantaj institucioj kiel la rilatoj inter ĝemelaj urboj kaj aliaj oficialaj aranĝoj de translima kunlaborado.<br>②S-ro Hori Yasuo prezidis la 7-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj. Nova estraro naskiĝis en tiu kongreso, s-ro Probal Dasgupta daŭre prezidas la Asocion. La funkciuloj estas Probal Dasgupta, Maritza Gutiérrez, Osmo Buller kaj la komisiito. |
| 2011 | ①S-ino Maritza Gutiérrez speciale menciis la 8-a Kunvenon de Ĝemelaj Urboj en sia raporto pri la 96-a UK.<br>②S-ro Hori Yasuo prezidis la 8-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj, neniu el la estraro ĉeestis. |
| 2012 | ①Ekde tiu jaro Jarlibro havas tekston pri la projekto.<br>②En la aprila numero de Esperanto aperis artikolo de la komisiito "La projekto Ĝemelaj Urboj 10- jariĝis".<br>③En la junia numero de Esperanto agado de ĝemelurboj estis unuafoje resumita kiel aparta sekcio de la estrara raporto por 2011.<br>④N-ro 451 Gazetaraj Komunikoj kun la ĉefa enhavo "Ĝemelurba agado de UEA 10-jariĝis" dissendiĝis al la membroj.<br>⑤**La projekto unuafoje partoprenis en la Movada Foiro de la UK.** S-ino Maritza Gutiérrez kaj s-ino Anna |

| | |
|---|---|
| | Löwenstein, organizantino de la foiro, kune deĵoris por ĝi.<br>⑥S-ino Maritza Gutiérrez prezidis la 9-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj.<br>⑦La Komitato de UEA dum la 97-a UK en Hanojo faris decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun respondeculo pri la projekto Ĝemelaj Urboj. |
| 2013 | ①La nova estraro naskiĝinta en la 98-a UK organizas sian laboron laŭ tri ME-subteamoj, nome Mastruma Evoluo, Monda Evoluo kaj Movada Evoluo. La projekto listiĝas en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj de Unesko kaj UN/Unesko. S-ro Mark Fettes gvidas la Asocion. La funkciuloj konsistas el Mark Fettes, Stefano Keller, Osmo Buller kaj la komsiiito.<br>②S-ro Hori Yasuo prezidis la 10-an Kunvenon de Ĝemelaj Urboj, s-ro LEE Jung-kee, nove elektita estrarano, ĉeestis.<br>③La projekto duafoje partoprenis en la Movada Foiro.Pieter Engwirda deĵoris. Neniu el la estraro ĉeestis.<br>④Pro atento de s-ro Roy McCoy el la CO de UEA la redaktoroj ĝustatempe metis la atentigon de la komisiito pri la kunveno de Ĝemelaj urboj en n-ron 3 *Aŭroro* de la kongresa kuriero de la 98-a UK. |
| 2014 | ①en la fino de januaro s-ino Barbara Pietrzak, estraranino de la Asocio, akceptis la ĉefan respondecon pri la ĝemelurba agado kaj fariĝas funkciulino de la projekto.<br>②La estraro ĉesigis la komisiitecon de Wu Guojiang sen ajna sciigo kaj klarigo, tion pruvis Jarlibro 2014.<br>③la projekto estis diskutita en la marta kunsido de la estraro. Kvin prioritataj taskoj estis klare elmetitaj, detale vidu n-ron 47 kaj n-ron 54 Informilo de Ĝemelaj Urboj.<br>④**la 1-a Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de la kongresurbo, nome la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Bonaero", okazis dum la 99-a UK**. La Asocio financis la ekspozicion en presado de fotoj.<br>⑤S-ro Clay Magalhães el CO de UEA partoprenis en preparo por la foto-ekspozicio. S-ino Barbara Pietrzak priatentis kaj vidis tian okazon.<br>⑥S-ino Barbara Pietrzak prezidis la 11-an kunvenon de Ĝemelaj Urboj.<br>⑦la projekto triafoje partoprenis en la Movada Foiro. Pieter Engwirda deĵoris. Neniu el la estraro ĉeestis. |
| 2015 | ①s-ino Barbara Pietrzak el la estraro speciale verkis agadplanon por la projekto Ĝemelaj Urboj. La komisiito aldonis parton da enhavo. La prezidanto Mark Fettes faris rimarkojn.<br>②La estraro de UEA en la aprila kunsido konfirmis la renomumon de la komisiito, s-ro Wu Guojiang el Ĉinio, delonga redaktoro de la tiutema retrevuo.<br>③La komisiito estis konsiderita kiel oficiala invitito de la kunsido kun la titolo "Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado" aparte aranĝita de s-ro LEE Jungkee, estrarano de UEA pri la Azia movado, dum Filmo-Festivalo okazinta en la 18-a de aprilo en Hangzhou, Ĉinio, kiu estas aŭspiciita de UEA, Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia kaj pluraj ĉinaj instancoj.<br>④La 12-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazis en la 100-a UK, s-ro Hori Yasuo prezidis kaj s-ino Barbara Pietrzak el la Asocio ĉeestis.<br>⑤ la projekto kvarafoje partoprenis en la Movada Foiro. S-ro Plamenka Vankova (Bulgario), s-ino Luis Hernandez (Hispanio) kaj s-ino Raymonde Coquisart (Francio) deĵoris, neniu el la estraro ĉeestis.<br>⑥ la projekto okazigis la 2-an Foto-ekspozicion "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo", nome la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Lillo", la ĉefkontribuantoj estis s-ino Raymonde Coquisart kaj ŝia edzo s-ro J. Coquisart, s-ino Barbara Pietrzak el la Asocio partoprenis en organizado, la Asocio financis la ekspozicion en presado de fotojn. Neniu estrarano vizitis.<br>⑦la vic-prezidanto de UEA Stefan MacGill aperigis prian informon en n-ro 22 Estrara Komuniko antaŭ okazo de la foto-ekspozicio. |
| 2016 | ①La nova Ĝenerala Direktorino Veronika Poór donis al la estontaj efikaj laboroj bonajn proponojn, ekz. kompletigi strukturon de la projekto, diskuti voĉe aŭ videe, sufiĉe utiligi la gazetarojn de UEA (ekz. Gazetara Komuniko) por disvastigi la projekton.<br>②Pro konsidero de s-ino Barbara Pietrzak la projekto renove aperis en la estrara raporto.<br>③Pro la komuna penado de LKK , s-ino Claude Nourmont, s-ino Raymonde Coquisart, s-ro Pieter Engwirda kaj la komisiito okazis la 3-a Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo", nome la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Nitra", dum la kongreso s-ino Maritza Gutiérrez aktive donis helpon tiucele. Neniu el la estraro vizitis.<br>④la projekto triafoje partoprenis en la Movada Foiro. Pieter Engwirda deĵoris. Neniu el la estraro ĉeestis. |

| | |
|---|---|
| | ⑤S-ro Pieter Engwirda prezidis la 13-an de Kunveno de Ĝemelaj Urboj. neniu el la estraro ĉeestis.<br>⑥La nova estraro naskiĝis en la 98-a UK. S-ro Mark Fettes refoje estis elektia kiel la prezidanto. La vicprezidanto Stefan MacGill respondecas pri ĝemelaj urboj. La funkciuloj estas Mark Fettes, Stefan MacGill, Veronika Poór kaj la komisiito. |

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Ĝemeliĝo kun Troyes en la 25-a jarreveno de la ĝemeliĝo kun Darmstadt**



Breŝa Esperanto-Grupo en Italio kontente anoncas, ke posttagmeze la 10-a de junio 2016 la urbestroj de Breŝo, Emilio Del Bono, kaj de Troyes (Francio) ,François Baroin, subskribis la ĝemeliĝon inter la du urboj (vidu la maldekstran foton). S-ro Laura Castelletti, vic-urbestro de Breŝo respondeca pri ĝemelaj urboj, ankaŭ ĉeestis la subskriban ceremonion.

Tiu evento tre ĝojigas la breŝajn esperantistojn, kiuj jam de longe ĝemeliĝis kun la francaj geamikoj.

Tiu ĝemeliĝo plenumiĝis en la 25-a jarreveno de la ĝemeliĝo inter Breŝo kaj Darmstadt(Germanio): ekde nun ekzistas oficiala "ĝemela triangulo" itala-franca-germana, kiu plenrajte postsekvas tiun, neoficialan sed efektivan, inter la tri esperanto-grupoj.

Fakte esperantistoj el la tri urboj jam kontaktiĝis, ekz. en la Ĝemelurba Renkontiĝo aranĝita dum la Ĉielira semajnfino (14-17a de majo 2015) fare de la Alkmara E-Klubo de Nederlando. Vidu la suban foto.

El raporto de Luigi Fraccaroli kaj
http://bsnews.it/notizia/45901/11-06-2016-Turismo-Brescia-ora-è-gemellata-anche-con-la-francese-Troyes-

